


# INTERNACIA FERVOJISTO

2004.2



*Trajno "Francisco de Goya" trakciata de elektra lokomotivo CC 6530*

*La reloj ligas la landojn, Esperanto la popolojn*

# Redaktora raporto 2003

En 2003, nia revuo konsistis el ses numeroj havantaj 96 paĝojn. Tiujn paĝojn, mi ŝuldas al la diversaj verkantoj, kiuj, tutlonge de la jaro, provizis min per interesaj artikoloj kaj ilustraĵoj rilatantaj al diversaj kongreso-raportoj, E. renkontiĝoj, vizitoj, teknikaj klarigoj. Persistu vian kunlaboron, por ke nia revuo restu vivanta, agrabla, interesa. Proponu modifojn, plibonigojn de nia prezentado. Mi restas je via dispono por evoluigi nian organon.



*Kiaj novaĵoj estas en la revuo?*

Daŭre, kun la helpo de nia revizoro Albert Gestin, kiun mi dankas, ni klopodas eviti erarojn, sed eble tiu ĉi strebado ne ĉiam sukcesas. Vi estos bonvenaj informi min kaze de stranga stilo en la redaktado.

Dankon por viaj kontribuaĵoj kaj multan plezuron dum la legado de tiu ĉi kaj sekvaj numeroj.

*Jean Ripoche*



**Enhavo**




## *56-a IFEF-Kongreso en Sopron inter la 8-a kaj la 15-a de majo 2004.*

**Poŝta adreso de LKK: 56-a kongreso de IFEF**
**Alfonz MORÓ**
**Olga u. 3. HU-7632 PÉCS**

Retadreso: ifk56@freemail.hu

Bank-kontoj de LKK:

- hungara: **Budapest-OTP-11707024-20103899-56-a IFEF-KONGRESO**
- aŭstra: **BIC: BAWAATWW, IBAN: AT 711490022010360416 56-a IFEF-KONGRESO**

## *Invito al la postkongreso*

*Ĉu mildatmosferaj montetoj, granda aro da arbaroj kun abundaj sovaĝbestoj, gaje fluetantaj riveretoj? Ĉu fortikaĵoj altiĝantaj sur rokopintoj, fortikaĵo-ruinoj, mezepokaj vilaĝaj preĝejoj, baroketosaj urboj?... Estas malfacile elekti, kaj oni trovas sin antaŭ agrabla dilemo, se oni ekiras vagabondi al la okcidentaj regionoj de Hungario, kiujn la tempestoj de la historio iom pli damaĝis ol ceterajn landopartojn de Hungario.*

*Por eviti tiun ĉi dilemon, la Hungara Fervojista Esperanto-Asocio (HFEA) kaj la Aŭstria Fervojista Esperanto-Federacio (AFEF) komune proponas al Vi solvon per la partopreno en la 56-a Kongreso de la Internacia Fervojista Esperanto-Federacio (IFK) inter la 8-a kaj la 15-a de majo 2004.*

Por la postkongresa sidejo LKK elektis la unuan hungaran reĝan urbon Székesfehérvár, pli precize la tri-stelan Hotelon Alba Regia de tiu urbo.

Post la fino de la kongreso, la postkongresanoj veturos per speciala(j) aŭtobuso(j) al la urbo Székesfehérvár, sed la programo de la unua tago jam dumvoje komenciĝos, ja la partoprenantoj haltos en urbeto ***Herend,*** kie funkcias la mondfama porcelanfabriko. Farkasházi (Fischer) Mór fondis la fabrikon en la j. 1839. Komence, la fabriko okupiĝis pri la imitado de ĉina kaj 18-jarcenta eŭropa porcelanproduktaĵoj, sed pli poste ĝi kreis memstarajn karakterizajn produktaĵojn. La ĉeestantoj vizitos la muzeon de la fabriko, kiu prezentas la evoluon de la hungara porcelanarto. Ĝi estos unika travivaĵo; eĉ eblos aĉetado.

La sekva halto okazos en urbo ***Veszprém,*** la "ĉefurbo" de "Balaton-felvidék" (supra regiono de Balatono). Veszprém estis la iama rezidejo de la hungaraj reĝinoj vivintaj inter la 11-a kaj 14-a jarcentoj. La urbo situas en pitoreska ĉirkaŭaĵo, ĝi estas tre riĉa je historiaj monumentoj kaj artobjektoj. En Veszprém funkciis la unua hungara altlernejo, en kiu estis instruataj la t.n. "liberaj metioj". Dum la




13-a jarcenta tatara invado neniiĝis la unua katedralo kaj la altlernejo kaj ties riĉa biblioteko kaj nesubstitueblaj manuskriptoj. Nuntempe, Kemio-industria Universitato, multaj instru-institucioj kaj lernejoj funkcias en la urbo, kies pitoreska situo, interesa pasinto kaj belegaj arkitekturaj artaĵoj allogas multajn vizitantojn.

Post la unuataga programo la patroprenantoj malfrue posttagmeze alvenos al la sidejo de la postkongreso, nome al la praa, reĝa urbo Székesfehérvár, kie ni tranoktados en la komforta, moderna, tri-stela hotelo de la urbocentro, nomita Hotelo Alba Regia.

La duan tagon, dimanĉe, la postkongresanoj per speciala(j) aŭtobuso (j) vizitos la ĉefurbon

***Budapest.***

La partoprenantoj faros rondvojaĝon en la ĉefurbo, en ambaŭ gravaj urbopartoj: Buda kaj Pest, kiujn disigas la riverego Duna. La ĉefurbo havas favoran geologian situon. Ĝi estis loĝata jam dum la praepoko, kion pruvas la postsigno de ermito-groto. La Romia Imperio konkeris Transdanubion, tiutempe sub nomo Pannonio. En Óbuda (alie Aquincum) funkciis garnizono. En j. 896 p. Kr. venis la patrujokupantaj hungaroj, kaj la ĉi tie trovitan amfiteatron, ili uzis kiel fortikaĵo. La sidejoj de la hungaraj regantoj estis Esztergom, Székesfehérvár, Visegrád; poste, dum la tatara invado Buda kaj Pest. Dum la 13-a jarcento komenciĝis la konstruo de la reĝa palaco kaj ĝi daŭris dum jarcentoj. Ĝi vivis sian florepokon dum la reĝado de reĝo Mátyás (dum la 15-a jarcento): famega biblioteko, sciencistoj kaj artistoj el Italio. Dum la turka imperio la tuta lando estis detruita, sklavigita dum 150 jaroj. En la 18-19-aj jarcentoj denove la situacio evoluis, la industrio kaj feŭdala sistemo elformiĝis. En 1838 grandega inundo detruis la urbon. En 1848 eksplodis liberecbatalo, formiĝis la unua responda hungara kabineto. En 1846 ekfunkciis la unua fervojo inter Pest kaj Vác. En 1873 la du urboj: Buda kaj Pest unuiĝis, depost tio la hungara ĉefurbo portas la nomon Budapest.

La areo de la nuna ĉefurbo estas 525 km2, el ĝi Buda estas montara, Pest estas ebena. Inter la eŭropaj ĉefurboj Budapest havas la plej favoran temperaturon. Budapest estas tre riĉa je kuracbanejoj, multegaj resanigaj fontoj, multegaj arkitekturaj artobjektoj, muzeoj, artistaj institutoj, preĝejoj, stacidomoj (ekz. Nyugati, planita de la franca arkitekto Eiffel; Keleti planita de Julio Rochlitz),

Reĝa Palaco, pontoj super riverego Duna, Insulo Margareta, Placo de Herooj, Parlamentejo, Operejo, Baleta Instituto, Muzika Akademio, Koncertejo (Vigadó). Montaro de Buda allogas multegajn vizitantojn, turistojn.

La trian tagon, lunde antaŭtagmeze ni konatiĝos kun la valoraĵoj de la urbo

***Székesfehérvár,***

kiu estas tradicia ekonomia kaj kultura centro de Nord-Orienta Transdanubio. Dum la praa tempo larĝe disvastiĝanta marĉaĵo ĉirkaŭis la nunan urbon, kaj tiu kondiĉo kontribuis en la elformiĝo de fortikaĵo. La loka muzeo prezentas postrestaĵojn el kuproepoko kaj bronzepoko. Princo Géza en jaro 972 post Kristo fondis la urbon, kiu en la meza epoko ricevis novan latinan nomon Alba Regia. En tiu ĉi loko estis la unua kvartiro de la patrujokupa estro Árpád. En tiu ĉi loko elformiĝis la unua centro de la ŝtata organizo kaj reĝa sidejo. La ŝtatfondinto, la unua hungara reĝo Sankta Stefano ĉi tie konstruigis la unuan katedralon kaj reĝan palacon. Ĝis la jaro 1527 ĉi tie oni kronadis la hungarajn reĝojn, kaj ĉi tie oni enterigis la plejparton de la hungaraj reĝoj. La hungara reĝo Béla la Kvara deklaris: "Reĝe ni devas zorgi pri tiu preĝejo, en kiu oni konservas la reĝajn tronon kaj kronon, kie oni sanktoleadis la reĝojn de Hungario, kaj kie la kadavroj de niaj reĝaj antaŭuloj ripozas."

La partoprenantoj posttagmeze per specialaj busoj veturos unue al la loko

***T á c,***

kie oni malkaŝis la postrestaĵojn de la romiepoka urbo Gorsium. Oni trovis la ruinojn de multaj konstruaĵoj, tiutempajn vilaojn, multajn skulptaĵojn, tomboŝtonojn, kolonojn devenantajn el la 2 - 4-aj jarcentoj. Laŭ la fakaj esploroj ĉi tie subtere troviĝas 200 - 250 konstruaĵo-kompleksoj. En la centro sep vojoj kruciĝas. Dum la Romia Imperio Gorsium estis la religia centro de la romia provinco Panonio.

La lasta celstacio de la postkongreso estos la urbo

***M ó r,***

la plej frekventata ekonomia, kultura kaj turisma centro de la Montaro Vértes, kun multaj arkitekturaj artobjektoj. Fama estas la barokstila Lamberg-Kastelo el la 18-a jarcento, same vizitinda estas la 18-jarcenta festono-stila Láncos-Kastelo, la romantik-stila romkatolika preĝejo el la 19-a jarcento, la 18-jarcenta barokstila kapucena preĝejo. La monumento Nepomuki Sankta Johano en baroka stilo, kaj la skulptaĵo Sankta Sebastiano memorigas la 1739-jaran pesto-epidemion. Tiu ĉi urbo estas tre fama pri la vinberkulturo de la regiono. Ĉi tie funkcias Muzeo pri Vino, kiu prezentas specialan vingustumadon. Multaj artobjektaj arkitekturoj plezurigas la vizitantojn sur la vinber-monto, kie troviĝas vinkeloj. La postkongresanoj ĉi tie "stampos" la 56-an IFEF-kongreson per la ĉi tie okazonta adiaŭa (vespermanĝo) festeno.

## *Gravaj sciindaĵoj pri la postkongreso*

LKK ne garantias la organizadon de la postkongreso, se la nombro de la aliĝantoj estas malpli ol 30 personoj.

La kongresanoj devos antaŭpagi iom pro garantio de aliĝoj. LKK povos trakti la aliĝojn (kaj por la kongreso kaj por la postkongreso) nur post la alveno de la (antaŭ)pago.

Nur du valutoj validos por la kongreso, nome "Eŭro" kaj "Forinto".

En Aŭstrio AFEF malfermis specialan kongresan konton por la pago de kongresanoj el la landoj de Eŭropa Unio, respektive el okcidentaj landoj de Eŭropo por ŝpari ĝirkoston.

*János Patay*

# Jarraporto 2003 de la sekretario

**Niaj mortintoj**
Nomoj de niaj malaperintoj estos legataj dum la plenkunsido en Sopron.

**1. Membrostato**
La aktuala membrostato troviĝas en la jarraporto de la Vp.

**2. Interna laboro**

**2.1. Estrarkunvenoj**
La estraro kunvenis dufoje ekster la kongresoj:
- la unuan fojon en Arnoldstein (AT), 04-05.04.2003. Ĉeestis gaste la Ĉk Jindrích Tomišek(CZ).
- la duan fojon en Sopron (HU) 25-28.09.2003. La Ks ne partoprenis. Ankaŭ ĉeestis , kiel gasto la Ĉk.

La e-o traktis la kutimajn tagordojn tre kunlabore kaj konstrue.

**2.2. Ĉefkomitatano(j)**
S-ro Jindrích Tomišek(CZ) estis reelektita kiel Ĉk. Anstataŭ s-ino Magdalena Feifičova (CZ) kiu anstataŭis la Ĉkomitatanon ekde la jaro 1998 kaj rezignis pro malsano, la nova anstataŭantino de la Ĉk estas s-ino Rodica Todor (RO).
La Ĉk plenumis akurate siajn multflankajn taskojn; li dissendis la cirkuleron kun la reduktita demandilo pri la landaj jarraportoj kaj apartaj demandoj, li kolektis kun la Vp la jarraportojn de la landaj asocioj, preparis kongresproponojn, kun la Ks, li ĝisdatigis la adresaron de la IFEF-funkciuloj, ĉeestis kelkajn jarkunvenojn de l.a.

**2.3. Evoluo en kelkaj landoj**
La Ĉk denove kontaktis polajn fervojistojn kaj konstatis, ke mankas la persono kiu volus denove fondi la asocion kaj aligi ĝin al la landa FISAIC organizo.

Ĉina landa FISAIC organizo devus unue aliĝi al FISAIC, se Ĉinio deziras organizi la 58-an IFEF kongreson.

**3. Laborplano**

**3.1. Korespondа servo**
Post la demisio de s-ro Sorin Porupka (RO), s-ro Dan Dragos Aldea (RO) estas elektita por zorgi pri tiu servo.

**3.2. Faka Komisiono**
Reelektitaj estas s-oj: Jan Niemann kiel la gvidanto de la Faka Komisiono, Ladislav Kovář kiel la sekretario de Fake Aplika Sekcio, Heinz Hoffmann kiel la sekretario de la Terminara Sekcio kaj la redaktoro de la Terminara Kuriero.

**3.2.1. Terminara sekcio**
Gvidas D-ro Heinz Hoffmann.
La 3-a CD-ROM diskedo aperis. IFEF, kiel unu inter kontribuintoj je traduko ricevis 5 senpagajn ekzemplerojn. Same, IFEF rajtas ekhavi senpagan reto-licencon por 10 uzantoj.
La ĝenerala gvidanto de la PIV-revizio, s-ro Michel Duc-Goninaz, en sia antaŭparolo al PIV 2 laŭdis la labormetodon de TS de IFEF.

**3.2.2. Fake Aplika Sekcio**
Gvidas D-ro Ladislav Kovár.
La 11-a numero de Fervojfaka Kajero kun ĉefe fakaj artikoloj el IFK en Plovdiv kaj rakonto de s-ro Dieter Hartig estas eldonita.

**3.3. Fervojista kontaktkunveno dum la 88-a UK en Goteborg (SE)**
La UK okazis 27.07 / 02.08.2003. kun 1800 partoprenintoj el 62 landoj.
La fervojistan kontaktkunvenon partoprenis 50 gekolegoj el 16 landoj. La Vp István Gulyás gvidis la kunvenon kaj informis pri pasinta IFK en Dresden kaj venontaj. S-ro Olsen (DK) okazigis fakprelegon sub la titolo "Kelkaj similecoj kaj diferencoj inter la nordiaj fervojoj".
La Vp detale informis dum la Terminologia Forumo pri aktivecoj kaj planoj de Terminara kaj Fake Aplika Sekcioj.

**4. Aranĝoj**

**4.1. IFEF Skisemajno**
La 44-a IFES sukcese okazis (CZ) de la 4-11.01.2003 en Kunčice Pod Ondrejnikem kun 30 partoprenantoj el 6 landoj (Ĉehio, Danio, Francio, Germanio, Rumanio kaj Slovakio).

**4.2. IFEF - Kongreso**
La 55-a IFK okazis 10-16.05.2003 en Dresden (DE). Ĉeestis 254 partoprenantoj el 19 landoj. La plej gravaj eventoj:

a) S-ro Renato Corsetti, prezidanto de UEA letere salutis la partoprenantojn kaj deziris la sukceson al la kongreso. Li opinias «ke jam venis la tempo fari esencan ŝanĝon kaj vastigi

vian kampanjon al esperantistoj, kiuj laboras en la kampo de aviado kaj ĝenerale de transportado». Li same ekdeziris ke IFEF estu pli forta kaj pli varia.
b) S-ro Bodo Ehrlich okazigis ĉefan prelegon «Teknikaj evoluoj por la estonto de la eŭropa fervojtrafiko».
c) Komenciĝis nova oficperiodo por reelektitaj s-oj: Jan Niemann kiel la gvidanto de Faka Komisiono, Ladislav Kovář kiel la sekretario de Fake Aplika Sekcio, Heinz Hoffmann kiel la sekretario de la Terminara Sekcio kaj la redaktoro de la Terminara Kuriero.
d) Komenciĝis nova oficperiodo por reelektita Ĉk s-ro Jindrích Tomišek(CZ) kaj novelektita anstataŭantino de la Ĉk s-ino Rodica Todor (RO).
e) IFEF honorigas s-on Ladislav Fiala (CZ) per Diplomo pro eksterordinaraj meritoj subtene al IFEF kaj s-on Vojtěch Zelenka (CZ) kiel membron de Honora Patrona Komitato.

**5. Eksteraj rilatoj**

**5.1. UEA**

La kontaktoj kaj kunlaboro inter UEA kaj IFEF estas bonaj.
La prezidanto de UEA letersalutis la IFEF kongreson.

**5.2. FISAIC**

La kunlaboro inter FISAIC kaj IFEF estas bona. La Ĝenerala Prezidanto de FISAIC, s-ro Gilbert Schmit, ĉeestis la IFEF kongreson kaj salutparolis dum la solena inaŭguro.

**Fina komentario**

Bedaŭrinde, la jaron 2003, IFEF-anoj memoros kiel la jaron kiam ili perdis du meritajn homojn. Por ĉiam forlasis nin s-ro Henning Hauge (09.07.1935-07.08.2003) kaj s-ro Joachim Giessner (23.12.1913-23.11.2003).

Zagreb, februaro 2004

*Marica BRLETIĆ,*

# Dana Esperantista Fervojista Asocio DEFA

***Kongrespropono por la 56-a IFEF-kongreso, Sopron 2004:***

En la IFEF-statutoj kiel nova punkto g de § 19 (nuna punkto g estos h ktp.) DEFA proponas:

***Informoj al la landaj FISAIC-sekcioj pri venontaj IFEF-kongresoj:***
***Tuj post decido pri loko kaj dato por venonta IFK la IFEF-estraro komunikas tion en la tri FISAIC-lingvoj: franca, germana kaj Esperanto, ne nur al la FISAIC-sekretariejo, sed ankaŭ – kaj samtempe – al ĉiuj landaj FISAIC-sekcioj kun kopio al la komitatanoj, por ke ili kontrolu, ĉu la ĝustaj personoj en sia respektiva lando ricevis la informon.***

**Komento:**

DEFA spertis, ke bedaŭrinde tro malrapide funkcias la pluenkomuniko pere de la FISAIC-sekretariejo.

Krome, pro la novorganizado de multaj ŝtataj fervojoj kaj ties deĵorantoj oni nun pli rigide kontrolas, ĉu IFK-oj estas en la FISAIC-kalendaro kun ĝustaj loko kaj dato, antaŭ ol la landaj FISAIC-organizoj disponigas liberajn biletojn kaj eventuale financan subvencion por la komitatanoj laŭ lokaj reguloj/tradicioj. Do, gravas, ke ni informas tuj kaj rekte pere de la jam menciitaj kanaloj.

***Praktika afero:*** Por ke ĉiam estu aktualaj la adresoj de la landaj FISAIC-sekcioj; ke tiuj adresoj troviĝu en la IFEF-adresaro, kiu aperos kiel eble plej rapide post ĉiu IFK, kaj sendita elektronike al la komitatanoj, rete atingeblaj. Bedaŭrinde mi kiel kunorganizanto de FISAIC Photosalon 2002 en Koege, Danio povis (pro resendado de dokumentoj) konstati, ke pluraj adresoj de landaj FISAIC-organizoj estis malĝustaj aŭ neĝisdatigitaj en la oficiala adresaro de la FISAIC-sekretariejo.

En la nomo de DEFA
(subskribo)

*Jan Uldal NIEMANN, komitatano kaj funkcianta prezidanto de DEFA*

## *Tagordo de la nepublika komitatkunsido 10.05.2004*

1. Malfermo, konstato mandatoj
2. Diskuto kongrespropono(j)
   2.1. Elekto estraranoj
1. Diskuto kasraporto-bilanco 2003/buĝeto 2005
2. Diskuto analizo de situacio en kelkaj landoj
3. Diskuto venontaj kongresoj
4. Analizo eksteraj rilatoj
5. Eventualaĵoj

## Tagordo de la publika plenkunsido 11.05.2004

1. Malfermo, konstato mandatoj
2. Ricevitaj telegramoj, leteroj
3. Honorigo al la mortintoj
4. Estraranaj raportoj
   4.1. Sekretario
   4.2. Redaktoro
   4.3. Kasisto
5. Protokolo Dresden (DE)
6. Raporto de la ĉefkomitatano
7. Kongrespropono(j)
   7.1. Elekto estraranoj
8. Raportoj de la Faka Komisiono (FK)
   8.1. Gvidanto
   8.2. Sekretario de la Fake Aplika Sekcio (FAS)
   8.3. Sekretario de la Terminara Sekcio (TS)
9. Raportoj de la komisiitoj
   9.1. Skisemajno (IFES) 2004
   9.2. Fervoja Koresponda Servo (FKS)
   9.3. Komitatano "A" por IFEF ĉe UEA
10. Resumo de jarraportoj 2003 el la landaj asocioj
11. Analizo de la nuna situacio en kelkaj landoj
12. Buĝeto 2005 kaj kotizkonfirmo
13. Rilatoj al aliaj organizoj
    13.1. UEA
    13.2. FISAIC
14. Venontaj kongresoj
    14.1. Konfirmo de invito al la 57-a IFK (RO) 2005
    14.2. Elekto de lando por 2006, la 58a IFK
    14.3. Diskuto pri pluaj eblecoj
15. Venontaj IFES 2005 kaj 2006
16. Eventualaĵoj
17. Libera diskutado

# Raporto de la kasisto por la jaro 2003

| Enspezoj | Eŭroj | Elspezoj | Eŭroj |
|---|---|---|---|
| Kotizoj | 5587,00 | IF-presado | 2065,00 |
| FFK-vendo | 16,50 | IF-sendo | 1680,00 |
| | | UEA-kotizo | 150,00 |
| | | FFK-presado | 112,67 |
| | | Afrankoj FK | 114,95 |
| | | Estraro | 11,99 |
| | | Bankkostoj | 6,60 |
| **Sumo :** | 5603,50 | **Sumo :** | 4141,21 |

| Bilanco la 31-an de decembro 2003 | | | |
|---|---|---|---|
| **Aktivoj** | **Eŭroj** | **Pasivoj** | **Eŭroj** |
| Banko | 3754,88 | Kongresa Garantia Fonduso | 18,78 |
| UEA | 384,68 | Junulara Fonduso | 501,18 |
| Ricevotaj kotizoj | 560,00 | Adopta Fonduso | 98,85 |
| | | Terminara Fonduso | 78,48 |
| | | Estrara Fonduso | 369,52 |
| | | Fakturoj pagotaj | 1250,00 |
| | | "Kapitalo" (nunjaraj + 5603,5 - 4141,21 lastjaraj + 1987,27 - 1066,81) | 2382,75 |
| **Sumo :** | 4699,56 | **Sumo :** | 4699,56 |

| Membro-stato | | |
|---|---|---|
| **Lando** | **2002** | **2003** |
| Aŭstrio | 93 | 95 |
| Belgio | 15 | 15 |
| Bulgario | | |
| Ĉeĥio | 55 | 55 |
| Ĉinio | 20 | 20 |
| Danio | 60 | 60 |
| Francio | 106 | 115 |
| Germanio | 202 | 202 |
| Hispanio | 15 | 15 |
| Hungario | 30 | 30 |
| Italio | 91 | 80 |
| Japanio | 32 | |
| Jugoslavio | *20* | |
| Kroatio | 15 | 15 |
| Norvegio | 39 | 40 |
| Rumanio | 15 | 15 |
| Slovakio | 20 | 20 |
| Slovenio | | 10 |
| Svisio | 64 | 60 |
| Individuoj (1 FI + 7 NL) | 15 | 8 |
| | 907 | 855 |

| **Finkalkulo en eŭroj (monflua resumo)** | | |
|---|---|---|
| Havaĵo je 2003-01-01 | 1987,27 | |
| mon-enspezoj | 5043,50 | |
| mon-elspezoj | | 2891,21 |
| Havaĵo je 2003-12-31 | 4139,56 | |

| Propono de budĝeto por la jaro 2004 | | | |
|---|---|---|---|
| **Enspezoj** | **Eŭroj** | **Elspezoj** | **Eŭroj** |
| Kotizoj | 4980,00 | IF-presado | 2150,00 |
| FFK-vendo | 20,00 | IF-sendo | 1750,00 |
| | | UEA-kotizo | 150,00 |
| | | FFK-presado | 200,00 |
| | | Afrankoj FK | 200,00 |
| | | Diversaj | 550,00 |
| **Sumo :** | 5000,00 | **Sumo :** | 5000,00 |

## Germana Esperanta Fervojista-Asocio

### *Invito al la 48-a jarkunveno de GEFA*

Tiu jarkunveno okazos de la 08-a ĝis la 10-a de oktobro 2004 en urbo **Gelsenkirchen,** kiu estis grava industriurbo de karbo-ekspluatado kaj ŝtalindustrio. Hodiaŭ ĝi evoluas al modernaj produktaĵoj.

***La interesuloj, bonvolu sin turni al:***

Rolf Terjung, Finkenschlag 68; DE-47279 Duisburg
Tel/fakso: +49(0) 203 724 095

# 23-a konferenco de la Bulgara Fervojista Esperantista sekcio (BFES)

La nacia konferenco de BFES 18-19 –a de oktobro 2003 okazis en ripozdomo «ROSENEC» en fervojstacia urbo Burgas. Ĝi situas apud la nigramara bordo,15 km-ojn sude de Burgas. Por la 38 partoprenantoj, la kondiĉoj vere estis tre favoraj en tiu ege bela loko kaj komforta ripozdomo.



*La estraro de BFES dum la konferenco*

Sabate, je la 17.30 h, la prezidanto de BFES, s-ino Veselka Kamburova malfermis la kunvenon kaj post diversaj raportoj, komenciĝis la diskutoj. Pro privatigado mankas klubejoj en multaj urboj. La junuloj ne interesiĝas pri Esperanto, ĉar ĝi ne povas doni al ili laboron. Nun la homoj ne interesiĝas pri kulturo sed nur pri mono, ĉar sen mono oni ne povas vivi. S-ro T. Valev parolis pri la eldonita BULTENO numero unua de BFES, kiu devas pliboniĝi laŭ aspekto kaj enhavo. Kiel membro de UEA kaj abonanto al la revuo ESPERANTO, li rakontis pri la mondaj problemoj de la esperanta movado kaj kuraĝigis la partoprenantojn por agi, propagandi, varbi junulojn por lerni Esperanton, ĉar nur neŭtrala lingvo povos esti ligo internacia. La angla estas nacia lingvo, la mondo ne permesus doni priviligion al ĝi.

La partoprenantoj en la 55-a IFEF kongreso en Drezden - Germanio rakontis pri la kongreso, kiu estis bone organizita. Iuj el la konferencanoj vizitis ankaŭ ĉi jare SAT kaj UEA kongresojn kaj rakontis pri la amikaj renkontiĝoj, belegaj ekskursoj kaj mirindaj vidindaĵoj. S-ro Rumen vizitis la Esperanto-aranĝon "STAĜO" en urbo Plouezec-Francio por praktiki la lingvon. Li estis ege kontenta.

Fine, s-ino Rene Georgieva sekretariino de BFES parolis pri la 56-a IFEF-kongreso, kiu okazos de la 08-a ĝis la 16-a /05/2004 en urbo Sopron - Hungario. Ŝi klarigis ĉiujn detalaĵojn kaj ekpetis la dezirantojn viziti tiun kongreson, kontakti ŝin. Post la kunveno okazis vespermanĝo kaj amuza vespero.

Dimanĉe, malgraŭ malbona vetero, la partoprenantoj piede promenadis tra la larĝfolia bela arbaro kaj apud la bordo de Nigra Maro. Tagmeze la aŭtobuso veturigis ĉiujn al Burgas.

Ĝis la sekvonta renkontiĝo en urbo Kjustendil.

*Tonĉo Valev*

## La plej longa tunelo en la mondo

Konstrulaboroj por konstrui la plej longan tunelon en la mondo sub la masivo de San-Gotardo en svisaj Alpoj, komenciĝis apud Sedrun jam en la jaro 1996. Ĉefa celo de tiu ĉi grandioza konstruaĵo estas plibonigi vivmedion en la apudaj valoj, kie dum la lastaj jaroj rapide kreskis la aŭtomobila trafiko. Suma longo de la tunelo estos 57 km-oj, la profundo 2000 m-oj sub la plej alta supraĵo de la masivo, la monto Piz Vatgira. Dum 18 jaroj de konstruado de la tunelo oni elterigos tiom da teraĵo, kiom plenigus kubon kun eĝo de 300 metroj, kio laŭ amplekso estas komparebla kun kvin piramidoj de Keopso (la plej granda en la mondo). Unu el ĉefaj celoj de la tunelo estos ĝia sekureco. Sub San-Gotardo gvidos du fervojaj vojoj, ĉiu por unu direkto kaj inter ili estos distanco de 40 m-oj. La projekto ankaŭ inkluzivas helpkoridorojn kaj akcidenthelpajn postenojn, kiuj en kazo de danĝero ebligos rapidan evakuadon de la pasaĝeroj tra helpelirejoj.

Ekfunkciadon de la tunelo kaj ties trafikan ekspluatadon oni planas komenci en la jaro 2014. Distancon inter la urboj Zuriko kaj Milano la trajnoj traveturos dum ununura horo.

*Jindřich Tomíšek*

## E. staĝo de la francaj fervojistoj en Ĉeĥio

Ĉirkaŭ Prago, en la urbeto Dobřichovice, 23-a ĝis la 30-a de novembro okazis esperanto staĝo sub la gvidado de tri personoj:

- Petro Chrdle, la vic-prezidanto de la ĉeĥa esperanto-asocio, kiu akceptis nin.
- Stano Marĉek, la instruisto.
- Jean Ripoche, la prezidanto de la franca fervojista esperanto-asocio kaj akompananto de la franca grupo.

Dum kvar tagoj, la partoprenantoj alveturis el Germanio (1), Ĉeĥio (1) kaj ĉefe Francio (10). Vendrede, aliaj ĉeĥaj esperantistoj pligrandigis la grupon.

La pensiono Sokol estas tre gastema. La ĉambrojn komfortajn, la mangaĵojn bonajn kaj abudajn ĝuis la staĝanoj.

La akcepto estis fervorega kaj simpatia. La vetero estis bona… aŭ pli precize ne malbona ! ☺

La tempo estis partigata inter du partoj: lernado (matene) kaj vizitoj (posttagmeze).

**① LERNADO**

Ni estis intruitaj de Stano Marĉek el Slovakio. Li bone instruis nin laŭ la Cseh-metodo ĉar li ne parolas la francan lingvon. Antaŭ li aŭskultis lernantoj el diversaj niveloj kaj landoj. Li sciis interesi la studantojn. Finsemajne la lernantoj pli bone majstris la internacian lingvon.

**② VIZITOJ**

Kun Svatava nia ĉiĉeronino ni vizitis Pragon kaj Karlstejn-n. Prago belas pro siaj monumentoj. Cetere, multnombraj homoj scias ĝin ĉar multaj turistoj paŝas surstrate. Plie, dum tia periodo antaŭ Kristnasko la urbo iĝis tre anima. Belegaj, ornamaj abioj staris en la centro de la placoj. Multaj vendistoj proponis objektojn en la Kristnaska subĉiela bazaro.

Mi ne diros plu, ĉar la temo estas neelĉerpebla sed mi proponas al vi viziti ĝin!
Ni dankas UAICF-on pro ĝia financa helpo.

***Bernadette Deschanel***

Mi deziras danki U.A.I.C.F.-on, sen kiu tiu staĝo ne eblus.

***Jean Ripoche***

# Esperanto en la Uragano de Ideologioj

***Internacia Esperanto-Simpozio en la Aŭstria Nacia Biblioteko***

La 8-an kaj 9-an de oktobro 2004, la Aŭstria Nacia Biblioteko en kunlaboro kun Universala Esperanto-Asocio, organizos simpozion okaze de du Esperanto-jubileoj: la centa datreveno de la naskiĝo de Lidia Zamenhof (1904 – 1942) kaj la 75-jariĝo de la Internacia Esperanto-Muzeo (IEM, aligita al la Aŭstria Nacia Biblioteko en 1929).

Prelegos Ulrich Lins (Germanio/Japanio, ĉefpreleganto), Vilmos Benczik (Hungario), Wera kaj Detlev Blanke (Germanio), Heiner Eichner (universitato de Vieno, Aŭstrio), Alex Kaefer (Aŭstrio), Herbert Mayer (IEM, Aŭstrio), Claude Piron (Svisio).

La historio de Esperanto kaj la sorto de esperantistoj estas firme ligita al la ĝenerala historia evoluo. Verki historion de Esperanto signifas verki kadre de la historio de la mondo. Tion montris Ulrich Lins per "La danĝera lingvo. Studo pri la persekutoj kontraŭ Esperanto". Esperanto do ne estas io ekzotika kaj marĝena, kiel foje opinias la ĝenerala publiko, sed ĝi estas integra parto de historiaj evoluoj.

Tiu fakto estas la elirpunktoj de la simpozio, kiu pritraktas la destinon de Esperanto en la politikaj-ideologiaj uraganoj de la pasinta jarcento, fokusante interalie la atenton al la sorto de Lidia Zamenhof (murdita en la koncentrejo Treblinka en 1942) kaj de la Internacia Esperanto-Muzeo (fermita en 1938 fare de la nazioj). Apud tio pritraktiĝos ankaŭ temoj, kiuj tuŝas la nuntempon: Kia estas hodiaŭ la situacio de Esperanto en la mondo? Kiel aspektas la rilato inter Esperanto kaj la nunaj politikaj regantoj? Kiel kondutu la esperantistoj en mondo, kiu almenaŭ en la publika diskurso ege malfavoras la ideon de artefarita internacia helplingvo, sed aliflanke pere de modernaj teknologioj ofertas novajn eblecojn?

Laborlingvo dum la unua duontago de la simpozio estos la germana por la ne-Esperanta publiko – la cetero disvolviĝos en Esperanto.

*Paralele okazos:*
*- malfermo de ekspozicio pri la sama temo en la Internacia Esperanto-Muzeo,*
*- prezento de la noveldonita plena verkaro de Lidia Zamenhof kaj internacia* ***Cseh-kurso por tutkomencantoj.***
*(La germana nomo de la aranĝo estas: Die gefährliche Sprache).*

Partoprenkotizo: 50 €, por studentoj kaj lernantoj 35 €.

Aliĝo: plansprachen@onb.ac.at

&&&&&&&&&&&&&&&&&&&&&&&&&&

## Niaj legantoj skribas...

***Mi havas unu peton al la legantoj.***

En nia Barataj Fervojoj, en stacioj, la stacidomestro traktas pri trajnoj.

Sed, kiam, pro iaj kialoj, la trakforkoj malfunkcias, ĝis la inĝeniero venas kaj korektas la problemon, la metodo sekvata estas:

Oni devas mane kunporti la krampojn, fiksi ĝin je la trakforkoj, mane ŝanĝi la liniojn, kaj fiksi la direkton. Tio bezonas ĉirkaŭ 20 minutojn, do trajnoj perdas tempon.

Mi volas scii ĉu estas iuj aliaj metodoj, pli simplaj kaj bezonantaj malpli da tempo?

Se iu havas informon, kaj eblas, b. v., sendi al mia retadreso:
**sspradhan01@indiatimes.com**

# GRANDRAPIDA TRAJNO "ĈINA STELO"

La grandrapida trajno "Ĉina Stelo", projektita kaj farita de Ĉinio mem, faros provan funkciadon. Ĝia plej granda hor-rapido atingos 250 kilometrojn. La trajno kun la ekstera formo simila al ornitorinko havas luksan internan ornamon kaj modernan projekton. La eksperimento de la grandrapido kun 250 km/h fariĝos la grava paŝo en la konstruo de la grandrapida fervojo de Ĉinio.

La unua ĉina grandrapida trajno "Ĉina Stelo" konsistas el du motoraj vagonoj kaj naŭ kunremorkaj vagonoj, inter kiuj estas du unuaklasaj sidvagonoj, ses duaklasaj sidvagonoj kaj unu bufeda vagono. Ĝia projekta rapideco estas 270 km/h kaj la plej granda rapideco de veturado estas 321,5 km/h.

Laŭ la rakonto de iuj spertintoj, la "Ĉina Stelo" estas grandrapida, stabila kaj komforta. La sidlokoj en vagonoj estas projektitaj kaj faritaj laŭ la normoj de aeroplanoj. Antaŭ ĉiu sidloko oni instalis likvo-kristalan televidilon, per kiu pasaĝero povas ĝui la selektitajn ŝatatajn televidajn programerojn laŭ sia plaĉo. En la kunremorka vagono Numero 5, speciala bufeda vagono, estas muntita la granda altklara televidilo. La trajno povas sendi al ĉiuj vagonoj la informojn pri la atingo-stacioj rete per GPS sistemo de la globo-satelito.

Krom la komforto, ĝia sekureco estas laŭdinda. En ĝiaj du motorvagonoj estas metitaj po du serioj da regado-sistemoj de energio. Se unu el la sistemoj perturbiĝos, la alia sistemo povos tuj ekfunkcii. Se du sistemoj perturbiĝos, la komputila sistemo povos aŭtomate kunigi la restajn bonajn partojn de la du serioj da regad-sistemoj de energio kaj faros la trian urĝan sistemon por la sekura veturado de la trajno.

Ĉu la nunaj fervojo-linioj povas elteni la grand-rapidan trajnon "Ĉina Stelo" kun la rapideco super 200 km/h? Tio estas zorgita problemo de multaj personoj. Dum la eksperimento, la trajno veturas kun la rapido 160 km/h sur la ekzistanta linio Beijing / Qinhuangdao. Sur La nova linio Qinhuangdao / Shenyang, kiel unu el la ŝtataj gravaj projektoj de la naŭa "Kvinjara Plano", ekkonstruita en 1999, speciale por la pasaĝero-vagonaro, la trajno povas elteni la grand-rapidon de 250 km/h.

Ĉinaj specialistoj opinias, ke la prova funkciado de "Ĉina Stelo", estas la signalo, kiu montras la gravan paŝon en la konstruado de ĉina grand-rapida fervojo. La revo pri la funkciigo de la grand-rapida fervojo-reto en Ĉinio, same kiel en la landoj de Eŭropo kaj Usono, realiĝos baldaŭ.

*Han Zuwu*
*Vicprezidanto de la*
*Ĉina Fervojista Esperanto-Asocio*

# Joachim Giessner
# *23-12-1913 † 25-11-2003

**Dum la ceremonia entombigo de nia honora prezidinto Joachim Giessner, pluraj oracioj okazis. Post la germanaj salutvortoj de luterana pastorino kaj de Rolf Terjung, jen ĉi-sube la funebra parolado farita de nia prezidanto d-ro Romano Bolognesi.**

La malapero de nia kara Joachim estas granda sortobato por la esperantista movado ĝenerale kaj ĉefe por la fervojista.

Ni perdis parton de nia lastperioda aktivado kaj historio, kiun li plenigis dum longa tempo, ekde la jaroj de la postmilita rekonstruo kaj espero ke oni ne plu revenu al tiuj teruraj eventoj, de la plej vigla agado kaj kresko por nia profesia kategorio, ĝis la lastaj tagoj.

Se nun ni devus difini lin, ni povus uzi multajn esprimojn, kvankam neniu el ili estus sufiĉa por plene prezenti liajn kvalitojn, interesojn kaj emojn: tre kapabla, sperta, klera, sindedica, iniciatema, nelacigeble laborema li estis.

Lia animo kapablis percepti la fortajn kaj tamen ĝentilajn alvokojn de la plej bonkvalitaj sentoj de la homeco kaj de la artoj, cefe de la poezia popolarta muziko.

Ankaŭ pro tio li sencese tradukis verkojn kaj kantotekstojn kaj eldonigis diskojn. Inter tiuj faroj, ni menciu: *La lastaj infanoj de Oldrovalo,* kaj *Kantoj de l' popolo.* Tio diras multon pri liaj plej profundaj trajtoj, kiujn li volonte prisekvis kaj plibonigis dum la tuta vivo.

Li gvidis la nacian fervojistan movadon jam en la la duona parto de la kvindekaj jaroj kaj li estis tre aktiva en la faka agado. Ne nombreblaj estis liaj fakaj kaj movadaj prelegoj, artikoloj, verkoj, kaj li ĉiam kapablis tuŝi la plej esencajn kernojn de la traktataj temoj, ĉiam aktuale trafaj.

Li elektiĝis IFEF-Pr en la jaro 1968-a kaj tia li agadis ĝis la 1990-a, do, dum 22 jaroj, kiam IFEF nomumis lin "Honora Pr"-n.

Li prezidis la IFEF-Kongresojn en Fulda (1967), en Regensburg (1981) kaj en Münster (1992). Krome li estis LKK-membro de UK Augsburg 1985, kie li gvidis la nacian vesperon.

Li du foje estis membro de la Komisionoj prepare al novaj versioj de la IFEF-Statuto aprobitaj en Lugano ('72) kaj en Salou ('89).

Longe li redaktis la GEFA-Bultenon kaj ankaŭ specialan *Bultenon* pri la 75 jaroj de la germana fervojista movado kaj li majstre verkis kaj redaktis la "*Historio de IFEF (1909-1984)*"-n, kiun li prezentis en la jaro 1985-a kaj poste, li pretigis la daŭrigan *Suplementon* ĝis la jaro 1999-a.

Lia daŭra agado por favori la disvastigon de la internacia lingvo, de la profesiaj konoj (li tre ŝatis la fervojistan profesion), la plilarĝigon de nia Federacio kaj samtampe dc FISAIC, la internacia organizo de la kulturflegantaj fervojistoj, ĉiam montris lian emon al pli vasta kaj bona kunlaboro inter diversaj gentoj kaj diversparolantaj homoj.

Li merite estis honorita per diversaj distingoj, inter kiuj ĉefe elstaris en 1984-a la Meritkrucon de la Federacia Respubliko Germanio pro sia agado por kunligi popolojn kaj en 1995-a la nomumo kiel Honora Membro de UEA.

Mi kaj li interkonatiĝis antaŭ 25 jaroj. Tiam, li estis por mi neatingebla modelo de homa konduto, de uzado de la lingvo, de kapablo regi kaj gvidi kunvenojn,




diverstipajn komisionojn, prezenti prelegojn kaj eĉ stimuli kaj partopreni en la distraj okazintaĵoj.

Kiam mi enposteniĝis en la tasko de Ĝenerala Sk, li estis Pr kaj mi tiam, kaj ĉiam poste, trovis lin tute malferme preta helpi per ekzemploj, konsiloj, kunlaboro.

Ni ĉiuj perdis majstron, samideanon, amikon, fraton.

Ni ne plu vidos lin en la Kongresoj de IFEF, en kiuj li partoprenis, certe rekorde, sinsekve por 52 fojoj, sed ni ne forgesu ke nia lingvo Esperanto estas esence spirita ligilo, kiu kunligas nin ciujn preter ĉiuj ajn limoj tempaj kaj spacaj, ĝi estas eterna spirita ideo kaj vivo, kiu ebligos al ni vidi lin ĉiam inter ni, daŭre senti lin en niaj pensoj, en niaj koroj, ĉiam memori lin en niaj dankesprimoj kaj preĝoj.

Ĉar ni multe ŝuldas al li, tion ni povas anime promesi al li kaj al liaj familianoj, kiuj, pro li, per li kaj kun li, ankaŭ plene apartenas al nia granda, interhoma familio.

Dankon, kuraĝon kaj konsolon al ili. Dankon pro ĉio al vi, kara amiko. Dankon Joachim. Estis ĝojo kaj honoro laŭiri kune kun vi.

Otterebach (Kaiserslautern), 02.12.2003.

*Romano Bolognesi*

## Granda bildkartoj-agado:

*La "Fondaĵo Fervoja Sociala-Entrepreno" en Germanio festas ĉijare sian 1 00-an naskiĝjaron.*

La "Fondaĵo Fervaja Sociala entrepreno" (Stiftung Bahn-Sozialwerk = BSW) festas ĉijare sian 100-an fondojaron. Sub la "tegmento" de BSW loĝas" inter aliaj fervojistaj kulturgrupoj ankaŭ ni, Fervojistaj Esperantistoj. BSW regule kaj tre grandanime subtenas nian aferon. Tial, ĝi meritas la dankon de ĉiuj (ne nur de) Fervojistaj Esperantistoj.

Ni petas ĉiujn kore, sendu kiel dankon al BSW gratulkartojn okaze de ĝia 100-a naskiĝjaro, prefere kun fervojaj motivoj en la plej vasta senco, ekzemple kun lokomotivoj, trajnoj, trakoj, pontoj, fervojistoj, stacidomoj k.t.p. Ni ekspozicios tiujn gratulkartojn en nia jarkunveno, de la 8-a ĝis la 10-a de oktobro 2004 en Gelsenkirchen, kaj poste en la granda finfesto de la "Fondajo Fervoja Sociala-Entrepreno" en Frankfurt a.M. Estus bone, se la gratulkartoj alvenus antaŭ la fino de septembro 2004.

Anticipe, koran dankon.

***La bildkarto-adreso:***

Stiftung BSW
Beauftragter für internationale Angel und Begegnungen
Hallesches Ufer 74 - 76
DE-10963 Berlin Germanio

*Rolf Terjung*

## Forpaso Svend Andersen
### 21.11.1920 – 04.02.2004

Denove unu el niaj frontbatalantoj forlasis nin por ĉiam. Svend Alf Andersen trankvile mortis post vivo kun multaj ŝajnaj obstakloj, sed nur ŝajnaj – pro lia enorma modesteco. Naskita en kampara medio li iĝis metia lernanto kaj kiel metiisto li dum jardekoj laboris en la metiejo de DSB en Kopenhago. Tie li kontaktiĝis kun Esperanto, kaj lia sinteno pri egaleco inter homoj kaj lia socie granda engaĝiĝo bone harmoniis kun la ideo de Esperanto. Li estis ekstreme laborema, kaj en la materie ne tro riĉaj jaroj tuj post la dua mondmilito li libertempe konstruis domon por sia familio, domon en kiu li vivis ĝis antaŭ kelkaj jaroj, kiam li – nun kiel vidvo – ne plu sentis forton sufiĉe taŭga por varti ĝin. Sed lia intereso estis pli vasta: filozofie li rigardis la vivon kaj la homan ekziston. Lia entuziasmo vekis la intereson de multaj el liaj kamaradoj en la metiejo, kaj li varbis multajn por la kultura laboro pere de Esperanto. Neniam oni vane petis al Svend iun taskon, eĉ se tio forigus lin de hejma laboro, kaj liaj poezie-filozofiaj raportoj de kongresoj estis ĝuo por la legantoj de la tiama DEFA-bulteno.

Li estis prezidanto de la DEFA-klubo en Kopenhago dum jaroj komence de la 60-aj, kiam tiu posteno ne estis facila, sed per lia persista laboremo li solvis la taskon je ĉies kontento, kaj prave li antaŭ kelkaj jaroj estis nomumita Honora Membro de DEFA Kopenhago. Dum la lastaj jaroj, antaŭ ol lia sanstato ne plu permesis tion, li – kune kun Ejlif Andersen – estis la solida fundamento de la ĉiusemajna kluba vivo. En ĉiu ajn debato Svend ĉiam partoprenis kun profunde pensemaj argumentoj, sed kun deca cedemo al la opinio de aliaj. Lia intelekto superis tiun de la plimultaj el ni. Povas esti, ke nur nun ni taksas lin laŭmerite – sed tro malfrue. Modesto superis lian kapablon. Ni, kiuj konis lin, estu dankemaj pro tio.

Ke li ripozu pace!

DEFA

INTERNACIA FERVOJISTO
56-a eldonjaro

Dumonata fervojfaka revuo en Esperanto kaj organo de **Internacia fervojista Esperanto-Federacio**

**Redaktoro: Jean Ripoche**
**6 rue des Platanes**
**FR-72230 Arnage - France**
**Tel/fakso + 33 (0)2 43 21 16 39**
**Retadreso:**
**Jeanripoche@wanadoo.fr**

**Prezidanto:** Romano Bolognesi
Via Misa 4
IT-40139 Bologna, Italio
Retadreso:
Lov0354@iperbole.bologna.it

**Vicprezidanto:** István Gulyás
Rákos u 98
HU-1155 Budapest, Hungario
Retadreso: kozsu13@freemail.hu

**Sekretario:** Marica Brletić
Peruanska 12
HR-10090 Zagreb
Retadreso: marica.brletic@hznet.hr

**Kasisto:** Laurent Vignaud
3 Allée du Haras, App 132
FR-49100 Angers
Tel: +33 (0)2 41 20 19 40
Retadreso:
Laurent.Vignaud@wanadoo.fr

**Franca poŝtĉekkonto:**
**Atentu:**
Ĉekoj aŭ ĝiroj al **"Laurent Vignaud"**
**9 293 74 Y NANTES**
(pagante per bankĝiroj el eksterlando, aldonu 2 eŭrojn pli por bankelspezoj)
IBAN:
FR3320041010110929374Y03237

**UEA-konto:** iffk-o

**Apermonatoj:**
Januaro, marto, majo, julio, Septembro, novembro.

**Redaktofino:**
Ĉiam la 10-an de la antaŭa monato

**Presejo:**
Generaldirekcio de MAV
Andrássy út 73/75
HU-1062 Budapest, Hungario

**"www.ifef.net"**

VIG 2004.034